# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Aperanta de 1949

## Ĉefredaktoro

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe 27-29, 9º C
ES-50002 Zaragoza

## Redaktoroj kaj kunlaborantoj

Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Valén Fernández

**Federación Española de Esperanto**
(Información y administración)

**Hispana Esperanto-Federacio**
(Informado kaj administrado)

Rodríguez San Pedro 13-3°-7
ES-28015 MADRID
Telefono + faksilo: +34-(9)1-446-80-79

## Estraro

*Prezidanto*: Antonio Alonso Núñez
*Sekretario*: Marcos Cruz Martín
*Vicprezidanto*: José Mª Galofré Domingo
*Kasisto*: José Mª Bernabeu Franco
(Konto: 14.011.966 de Caja Postal)


*Kovrilo:* Malaga kongreso: laboro kaj efiko.

*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## ENHAVO

Ankaŭ ne vin, ho Malago! mi forgesas viajn ravojn:
la foresto ne sufiĉas por estingi la amflamon!
Kie estas viaj turoj, belvidejo kaj terasoj?
Trinkis mi al ĝi honore, la rigard' al puraj astroj!

(Ibn Said, 9a jc.)

# Malaga kongreso: laboro kaj efiko

En la gracia Malago, en la urbo kie en 1891 estis fondita la unua hispana esperantista rondo, okazis ĉi-jare la 53a HEF-kongreso, de la 16a ĝis la 21a de julio. Se la lasta tutlanda kongreso okazinta en Merido jam montris kun speciala reliefo la enviciĝon de niaj junaj valoroj en la kongresaj taskoj kaj la penigan strebadon por modernigi la HEF-strukturojn, la kongreson de Malago oni rememoros ĉiam kiel tiun de la LABORO kaj EFIKO: malfacile oni povas trovi en la historio de niaj kongresoj precedenton pri laboremo pli intensa kaj persista...



La kongreso, do, malvolviĝis en tiu diligenta etoso, sendube adekvata al la celo entreprenita, t.e. pretigi urĝan planon kapablan revigligi la hispanan Esperanto-Movadon kaj doni al ĝi sencon kaj enhavon aktualajn, antaŭ la defio de novaj tempoj, kiuj, pro evidenta krizo de idealismoj, postulas al ni, esperantistoj, aliajn kondutojn pli pragmatajn kiel solvojn al niaj problemoj, en socio evoluanta influata de faktoroj ekonomiaj kaj teknikaj tre malsimplaj. Kontribuis efike al la ĝusta envojigo de nia laboro, la antaŭkongresa planado, kiu provizis la laborkomisionojn je ideoj, sugestoj kaj efektivaj proponoj venintaj el la diversaj hispanaj Esperantaj Grupoj mem, kiuj volis tiel partopreni en la komuna tasko. Montriĝis en la opinio de tiuj Grupoj certa koincido pri la plej gravaj problemoj, kiuj ebligis kolekti tri grandajn blokojn da temoj debatotaj en la sino de specifaj laborkomisionoj.

Kiel anticipe ni jam antaŭvidis, la laboro konsistis en redistribuo de taskoj kaj respondecoj en la gvida entrepreno de la estraro inter pli da personoj; malvolvo de programo instrua, kultura kaj propaganda je nacia nivelo jam skizita en la Strategia Plano; starigo de reto de delegitoj en la tuta lando;

reaktivado de "Fundación Esperanto" kaj programado de politiko pri eldono de lernolibroj kaj aliaj publikigaĵoj; kaj ekapliko de Esperanto en la Ekonomia Kampo. Feliĉe, la OKK sciis elekti adekvatan kongresejon: "Centro Cívico" de Malago, sufiĉe ampleksa konstruaĵo provizita je dormoĉambroj, komuna manĝejo, bonaj salonoj por niaj debatoj kaj eĉ ĝardeneto por lasi vagadi niajn pensojn dum maloftaj ripozaj momentoj, kie dum la nokto venis la kadenca murmuro de Mediteraneo tute ne malproksime de tiu loko... Granda parto el ni, restadis tie, en "Centro Cívico", dum la daŭro de la kongreso, kio ebligis al ni ŝpari tempon kaj monon, precipe tempon!

Sed antaŭ ol meti la finan punkton al nia komentario pri la kongreso per ĉi retrospektiva rapida rigardo, permesu al mi, nome de HEF danki al la OKK, al tiu kuraĝa skipo konsistanta el gesamideanoj Martín, Salazar, Hurtado, Herrero, González kaj aliaj kunlaborantoj, pro tiom da oferoj kaj laborado en la organizado de la kongreso. Tutkoran dankon, karaj gesamideanoj kaj amikoj!

*A.M.B.*

# Malfermo de la kongreso



## La 16an de julio

je la 12,30 h. la HEF-prezidanto Antonio Alonso Núñez, malfermis oficiale la kongreson, ne nur per la kutimaj protokolaj vortoj, sed ankaŭ instigante la kongresanojn partopreni en la koncernaj laborkomisionoj, ĝuste en tiu strebado, kiu karakterizos la kongreson. Li analizis laŭ rapida skizo la situacion de nia Movado kaj rekomendis rigoron kaj disciplinon en la debatoj, kaj precipe fervore kunlaboradi ne nur en la nunaj taskoj sed ankaŭ estonte kiam niaj decidoj devos transformiĝi en realon...

Andrés Martín, prezidanto de la OKK, salutis la kongresanojn kaj insistis pri samaj celoj de la HEF-prezidanto, kaj prezentis ĉi kongreson kiel unikan okazon por plifirmigi la hispanan E-movadon. Salutis ankaŭ la kongreson

reprezentantoj de la Esperantistaj Grupoj de Asturio, Madrido, Malago, Hispana Muzeo de Esperanto, KAE, IFEF, Santander, Callosa de Segura, Valencia Esperanto-Federacio, Zaragozo, k.a.

La prezidanto Alonso metis finon al la Malfermo kunvokante ĉiujn partopreni posttagmeze en la laborkomisiono.

# Unua laborkunsido

Kun nenia respekto al la andaluza siesto, je la 16,30 posttagmeze komenciĝis la debatoj de la Unua laborkomisiono. Prezidis la kunvenon M. Gutiérrez Adúriz, kiu unue analizis la nunajn cirkonstancojn de nia movado kaj submetis al la ĝenerala konsidero de la kunvenintoj jenajn prioritatojn pri "Disvastigo de Esperanto per informado kaj instruado". Nu, post la koncerna ĉiutema debato oni decidis:

a) Akcepti proponon faritan de la HEF-estraro kaj pretigi triptikon kiel unuan propagandilon disdonotan en kulturaj rondoj, kiam oni kunvokos Esperanto-kurson aŭ okaze de ajna kultura evento. La sekretario petos konsilon al profesiuloj pri reklamado por elpretigi ĝin.

b) Eldoni informilon en la kvar ŝtataj lingvoj, kiun oni sendos al HEF-anoj, kulturejoj, bibliotekoj, redaktejoj de ĵurnaloj kaj aliaj, por propagandi Esperanton aŭ disvastigi novaĵojn pri nia Movado. La redaktadon kaj tradukadon de tiu informilo prizorgos samideano Antonio Alonso.



c) HEF elektas la trian lundon de septembro kiel komunan tagon por informado pri Esperanto en la tuta lando. Unuafoje, HEF kunordigos agadojn kun la grupoj kaj efektivigos tiun tagon en 1995.

d) HEF kreos datumbankon en la Sekretariejo de Madrido kun la nomoj de tiuj homoj pretaj prelegi, en ajna ŝtata lingvo, pri diversaj aspektoj de Esperanto, por eventualaj aranĝoj organizotaj de la Esperantaj Grupoj. En tiu datumbanko oni kolektos ankaŭ informojn pri oficialaj aŭ neregistaraj instancoj kun kapablo por donado de petitaj subvencioj, kaj indiko de dokumentoj necesaj por eventualaj petoj.

e) HEF aĉetos modemon por la komputilo de la HEF-oficejo, por redaktado de informoj kaj artikoloj laŭ reguloj de agentejoj kaj redaktejoj de ĵurnaloj, kun propaganda celo.

f) En "BOLETIN" aperos informa enketilo por ricevi proponojn de Asocioj kaj HEF-membroj, kiuj reprezentos nian Federacion en siaj respektivaj regionoj, per kiuj oni pretigos Reton de delegitoj, kun difinitaj taskoj kaj respondecoj.

Tiuj punktoj atingis pozitivan rezulton nur post la koncerna pridebatado. Ni tamen ne komentas la aferojn, kiuj ne fariĝis firmaj rezolucioj, por ke ĉi raporto ne fariĝu senfina.

Post la priparolita kunveno okazis, laŭ la programo, prelego de d-ro Luis Ojer Celiqueta kun la temo, "La supersignoj de Esperanto". D-ro Ojer malvolvis sian teorion surbaze de konsideroj pri la alfabeta fonetiko de Zamenhof kaj citis aliajn teoriulojn por apogi sian opinion. Sur la tabulo li prezentis sian proponon per tabelo esprimanta, laŭ li, raciajn konkludojn, sed la replikoj de la ĉeestantaro estis tiel abundaj, ke li ne povis fini sian "logikan" opinion. Arda debato komenciĝis, sed dum kreskis la diskutado la tempo forflugis, kaj neeviteble oni devis prokrasti la debaton pro preterpaso de la manĝo-horo, kaj kun ĝi la fino de longa, tre longa labortago...

# La 17an de julio

Kvankam dimanĉo, oni ne prokrastis la laboron, kaj la dua komisiono, matene kaj posttagmeze, plenumis sian taskon, ĉi-foje rilate la temojn pri uzo de la titoloj pri Publika Utileco de HEF kaj "Fundación Esperanto". Post analizo de ĉiu temo kaj diversaj konsideroj oni decidis:

a) Peti informojn al UEA pri la testamentoj, por studi ilin kaj eventuale fari propran version por Hispanio. Tiucele organizi kampanjojn por akiri donacojn de membroj, kiuj pragmate devos finiĝi prefere per personaj kontaktoj.

b) HEF bezonas disponi pri dosiero pri la titolo "Publika Utileco" enhavanta la rajtojn kaj devojn, kiujn ĝi donas. Oni decidis peti al nia kolego Juan Carlos Sierra sin okupi pri tiu tasko.

c) Ĉar verŝajne la nunaj postuloj por peto de konsciencobĵetantoj al la registaro iĝis pli atingeblaj ol antaŭe, kiam negative oni respondis al ni, oni restudos la aferon por eventuala nova peto de tiuj homoj por laborado en nia Centra Oficejo. Komisiono konsistanta el Antonio Alonso, Juan Antonio Cabezos, José Ramón López kaj José Francisco del Pozo okupiĝos pri la temo.

Post tiuj decidoj oni studis diversajn proponojn pri eldonoj de lernolibroj kaj aliaj instruadaj temoj. Oni konsentis pri la jenaj punktoj:

1. En la HEF-oficejo oni pretigos datumbankon pri lernolibroj por publika konsulto, en kiu estos ĉiaj informoj, komentoj, kritikoj kaj spertoj pri ili. Por kompletigi la datumbankon, oni aldonos al ĝi liston de tiuj titoloj ekzistantaj en la Esperanto-Muzeo, pri kio ĝia direktoro S-ro Hernández Izal plezure konsentis.

2. HEF petos al niaj kolegoj Antonio Valén kaj Georgo Kamaĉo okupiĝi pri jenaj tri punktoj: ebleco verki originalan lernolibron; traduki/adapti alilandajn kursojn, ekz. "Zagreba Metodo" aŭ "Jen nia mondo" de Wells, uzebla kiel perkoresponda kurso, esplori ĉu ekzistas manuskriptoj de lernolibroj adaptitaj al la nunaj plej modernaj vivcirkonstancoj, ekz. "rapidaj metodoj".

3. HEF petos al la hispanaj Esperantaj Grupoj sendi informojn al la HEF-oficejo pri siaj kursoj: kutimaj datoj, daŭro, prezo, ktp. por indiko al eventualaj informpetantoj plej proksima funkcianta Esperanto-Grupo. Ankaŭ petos de Asocioj kaj Grupoj, kiuj havas perkorespondan kurson, sendi unu ekzempleron al la HEF-oficejo.

4. Laŭ indiko de HEF, M. Gutiérrez Adúriz turnos sin al la produktontoj de la Esperanto-versio de la angla lingvo-kurso "Muzzy en Gondoland", kun la listo de hispanaj antaŭmendintoj. Li nepre postulos, ke ĉiuj tekstoj estu en Esperanto, inkluzive la endesegnajn, kaj ke la lingvaĵo estu modela. Li krome petos, ke unu hispano partoprenu en la adapto de la kurso, por kies tasko oni proponas Georgon Kamaĉo. Pliajn mendojn oni sendu al la HEF-oficejo, kun la koncerna mono kaj telefonnumero.




**Mazi Furorasssss!**

Tuj post la fino de la supre indikitaj debatoj, en aparta ĉambro Andrés Martín gvidis kurson de Esperanto al kelkaj gelernantoj. En alia, prelegis Giordano Moya pri "La interna ideo de Esperanto kaj la Homaranismo". Nia kataluna samideano komentis kiel bazajn punktojn jenajn ideojn:

1. Kial Zamenhof kreis kaj disvastigis Esperanton?

2. Interna ideo kaj sekve la homaranismo. Malsukceso de la homaranismo.

3. Post cent jaroj: materiala mondunuiĝo sed ankoraŭ ne homarunuiĝo.

4. La civilizacia krizo de nia tempo. La atombombo signas du civilizaciajn epokojn, simile kiel signifis la malkovro de la fajro kaj en la Neolitiko la apero de la agrokulturo kaj bredado. Ekzistas eĉ la minaco de homaropereo, tiel same kiel malaperis iam la dinosaŭroj, kio sendube signifos la fiaskon de la homa menso en la vivevoluo.

5. Urĝas la unuiĝo de la homaro, sed la homoj ne komprenas la gravecon de nia tempo kaj pensas nur pri partikularismoj. Neniu Movado entreprenas tiun taskon kaj tio ne povas fariĝi per kiu ajn potenco nek per kiu ajn nacia lingvo, ĉar tio estus imperiismo. (La angla lingvo taŭgas por la scienco, la tekniko, la komerco, la turismo, ktp., sed ne taŭgas por unuigi la homaron). Nur per lingvo neŭtrala pri imperiismoj povas esti farata tiu tasko.

6. La esperantismo ĉesas esti romantika idealismo por fariĝi devo kaj de ĉiu kaj de ĉiuj. Tial la esperantismo devas transformiĝi en tiun vastan movadon kapablan enkonduki tiun universalan civilizacion kaj kune kun la disvastigo de Esperanto kiel dua komuna lingvo por ĉiuj, povos esti plenumitaj en la realo tiuj strofoj ke: "*la popoloj faros en konsento / unu grandan rondon familian*".

# La 18an de julio

La tria labortago, lundo, donis al ni la eblecon meti la finan punkton al la debatoj de la dua komisiono, kiu decidis pri jenaj temoj:

a) HEF organizos seminariojn pri difinitaj temoj de ĝenerala intereso. Madrido povas esti la plej taŭga loko por organizi semajnfinajn seminariojn, precipe pro plej konvena geografia situo en la centro de la lando kaj ekzisto de nia Centra Oficejo. Tamen, eblas organizi seminariojn en aliaj urboj, se tio konvenas al la plimulto aŭ al propagandaj celoj de konkreta urbo.

b) Nia Asocio bezonas kolekti por publika konsulto ĉiajn oficialajn informojn, kiuj iel povas rilati aŭ favori Esperanton. Tial ĉiuj membroj kaj HEF-centroj estas petataj sendi tiajn informojn por ĝenerala profito.

c) HEF kontaktos la Eldonejon Sopena por esplori la eblecon aĉeti malmultekoste la restantan stokon de poŝvortaroj.

d) Estas ĝenerala opinio de Esperantistaj rondoj kaj tial ankaŭ konsilinde, ke la Esperanto-kursoj devas esti nepre pagataj de la lernantaro, laŭ prezo kaj kondiĉoj de ĉiu Centro.

e) La venontaj HEF-kongresoj devos esti precipe laboraj. Por plifaciligi tiun celon, oni organizos ilin profitante semajnofinon, kaj se eble ankaŭ lundan aŭ vendredan ŝtatan feston, por ke tiuj, kiuj ne ferias havu la eblon partopreni ĝin. Poste, restos unu/du aŭ pli da tagoj por turismaj aŭ festaj programeroj profiteblaj de la feriantoj. Dezirinde estas elekti konstantan sekretarion pri kongresoj, laŭ la modelo de UEA, por profiti la spertojn de ĉiu kongreso, kaj se eble eltiri monprofiton. Oni proponas elekti por tiu posteno s-ron Augusto Casquero, sed estrarano informas, ke nia samideano restos dum unu kompleta jaro en Slovakio.

f) Nia Asocio petas al nia kolego Miguel Gutiérrez Adúriz, relanĉi "Fundación Esperanto", tiucele li proponos al la prezidanto Alonso la oportunajn ŝanĝojn por plene revigligi ĝin. Kiel unua decido en tiu direkto oni proponas la murcian advokaton s-ro Juan Antonio Cabezos kiel sekretario de "Fundació Esperanto", posteno kiun la interesato akceptas kun la aprobo de la ĉeestantaro.

Posttagmeze, speciala Komisiono prezidata de Andrés Martín komencis studadi la malfacilan temon pri Aplikado de Esperanto en la Ekonomia Kampo. Tiurilate li informis pri la agado de Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo (IKEF) fondita en 1985 kaj aliĝinta kiel faka asocio al UEA ekde 1994. Ĉefa celo: akceptigi kaj enkonduki la internacian lingvon Esperanto en komercon kaj ekonomion.



La aplikado de Esperanto en la ekonomio devas komenciĝi en ni mem, t.e., en tiuj personoj, kiuj pretendas agadi en tiu kampo, ĉar unue ili devas ŝanĝi sian pensmanieron kaj pensi ekonomie donante specialan sencon al la konceptoj mono, profito, rendimento kaj produktiveco. Samideano Martín klarigis per pluraj ekzemploj, kiel agi por interesigi entreprenistojn kaj esperantistojn pri ĉi temo, kaj oni konsentis dediĉi unu paĝon en ĉiu numero

de "Boletín" por inciti al tiukampa agado. Tiu paĝo, speciale interesa por senlaboruloj kaj negocistoj, estos redaktata de nia kolego Andrés Martín.

Kiel kutime, la labortago finiĝis per la Esperanto-kurso kaj prelego. En ĉi kazo la preleganto estis Luis Serrano Pérez kaj la temo "Esperanto kaj la laboristaro".

Nia kolego L. Serrano komentis sian vidpunkton pri la akcepto de Esperanto en la diversaj sociaj tavoloj kaj la strategioj kaj metodoj uzataj por varbado, sed la amara vero estas, —li diris— ke ni ne progresas. Plej ofte oni metas tro da fido kaj esperoj en la varbado de intelektuloj kaj altranguloj, sed la realo ne montras optimismajn rezultojn, ja intelektuloj ne estas panaceo por solvi niajn plej gravajn problemojn.

"En la laborista kampo, oni konstatis certan inklinon, eĉ entuziasmon por Esperanto, sed tiu inklino sufiĉe granda tuj post la unua mondmilito kaj la jaroj dudekaj kaj tridekaj atentinde dekadencis, temis ja pri jaroj de esperoj, idealoj kaj lukto, sed nun oni povas konstati ke nia afero estas rigardata de la laboristaro kun absoluta indiferento, kaj la nombro de laboristoj esperantistaj kompare kun la milionoj da laboristoj ekzistantaj, estas tute sensignifa". La oratoro opiniis, ke "sen forta partopreno de la laboristaro, Esperanto neniam venkos: la laboristaro estas ĉiam la kreanto, la aŭtenta realiganto de ĉio, do ankaŭ la motoro por sukcesigi Esperanton. Pro tio, mi konsideras, ke malmulte oni faras por interesigi la laboristojn pri Esperanto. Kiam en la laboristaj hejmoj oni parolos la Zamenhofan lingvon, kiam la popolo parolos ĝin, oni povos certigi ke la triumfo de Esperanto ne estos malproksima".

"Ĉu la laboristoj interesiĝas pri nia internacia lingvo? —daŭrigis la preleganto—. Vere, en ĉi momento ne multe. Kaj tamen oni devus konvinki ilin, ke neniam kiel nun lingvo internacia estas pli bezonata, ĉar interkomunikado sen naciaj antaŭjuĝoj, informado vera, estas elementoj fundamentaj por ĝusta malvolvo de nia socio, kaj malfeliĉe la priinformaj agentejoj kaj la grandaj kaj prestiĝaj amaskomunikiloj (televido, gazetaro kaj radio) estas en manoj de kapitalistoj. Nuntempe, la monopoloj kaj ceteraj konzernoj jam elektis la anglan lingvon, imperiisma komunikilo".

"Alia faktoro favora por laboristoj uzontaj Esperanton estas la diskriminacio en la lernado de fremdaj lingvoj. La laboristoj ne disponas la sufiĉan kapitalon por lerni lingvojn en fremdaj landoj".

"Resume, Esperanto estas lingvo favora por la interesoj de la laboristoj, la problemo estas kiel interesigi ilin por lerni ĝin. Nia devo, kiel esperantistoj kaj laboristoj estas interesigi la sindikatojn pri nia afero. Ekzistas sindikato

en kies statuto troviĝas regulo rekomendanta la lernadon de Esperanto, sed fakte neniu atentas pri tiel grava rekomendo".

Samtempe tiu prelego de L. Serrano okazis la kutima Esperantokurso kaj ankaŭ kunvenis la HEF-estraro por pretigi la fermon de la Kongreso, en kies sesio oni devos konfirmi ĉiun temon jam deciditan en la ĉiutagaj kunvenoj. Cetere, oni difinis la respondecon kaj taskon de ĉiu estrarano kaj oni decidis, ke en venontaj estrarkunvenoj ĉiu el ni respondecu nur pri la temoj difinitaj por la koncerna posteno. Oni elektis nian kolegon Miguel Gutiérrez Adúriz kiel Kunordiganton de la diversaj Servoj de la Federacio, kaj oni konfirmis la Ĉefredaktoron de *Boletín*, Antonio Marco Botella, kaj la Responsulon de Libroservo, Luis Hernández García kiel estraranojn de HEF. La elekto de Vicsekretario jam estas fakte decidita kaj ni anoncos lian nomon tuj post la koncerna definitiva akcepto. Kaj kun tiuj taskoj finiĝis tiu labortago.

## La 19an de julio

En la mardo okazis la tuttaga ekskurso. La kongresanoj vizitis ĉarmajn lokojn kaj sorĉajn urbetojn de Andaluzio: blankajn dometojn plenajn de lumo kaj koloro kvazaŭ belaj pentraĵoj reflektantaj la tutan magion de fantazia arto... kaj la strandon plenplenan da turistoj; kaj interesajn lokojn kiuj gardas la memoron de historio miljara... Ĉiam estas bele veturi, promeni tra la hela Andaluzio!




## La 20an de julio

En la merkredon la kongresanaro ĝuis duontagan ekskurson. Matene, oni vizitis la urbon Malago: la altaĵojn de Gibralfaro, la Alkazabon, la urbodomon, kie ni estis afable akceptitaj, kafejon kie ni estis ĝentile invititaj... Ho, jes, amuza promenado!

Posttagmeze, prelego de Miguel Gutiérrez Adúriz, antaŭe spicita per interesa priskribo de lia vizito al Italio, invitite kiel honora gasto de FANCON-94, dudeka kongreso de la italaj sciencfikciuloj, okazinta fine de aprilo en Courmayeur (vidu *Boletín* 316, 8a paĝo).

Fininte sian prelegon, "Esperanto, la fantasta lingvo", varme aplaŭdita de la ĉeestantoj, nia kantabra samideano prezentis du librojn: Sferoj-9 kaj la "*La lingua Fantastica*" (ambaŭ aĉeteblaj ĉe la libroservo de HEF).

Post la prelego de Gutiérrez Adúriz okazis la danca kaj kanta spektaklo nomata "*Verdial*", esprimo de malnova popola malaga kulturo, kies antikveco devenas de pratempa epoko antaŭromania.

La folklora muzika Grupo "Panda", konsistanta el dek membroj tipe vestitaj kiel antikvaj kamparanoj, ludas muzikajn instrumentojn (violono, liuto, gitaro kaj cimbaloj) kaj kantas kaj dancas.

Antaŭ la kongresanaro la Grupo prezentis programon konsistantan en reprezento de certaj scenoj el pasinteco, ĉiu el ili kantata kaj speciale dancata de du-tri aŭ pluraj gedancistoj. En pluraj programeroj la stilo de la kanto ŝanĝiĝis laŭ la vario de la reprezentata sceno kaj la diversaj instrumentoj uzataj...

La spektaklo estis digna kaj interesa. Miaopinie oni devus klarigi antaŭ ĉiu programero la karakteron de ĉiu prezento, ĉar ja temas pri esprimo de sufiĉe antikva kulturo mediteranea kaj certe bona ekspliko plifaciligus la komprenon de la temo al la publiko.

Post la vespermanĝo, je la deka vespere, okazis la koncerto de Eduardo Vargas "SOLO" kun jena programo: 1— Morto-Katedralo. 2— Miraklo. 3— Ekkono. 4— Najbaroj. 5— Nirvano. 6— Trans lasta ĝiso. 7— El la koto plej mizera. 8— Kasido. 9— Al viro nomata Suzana. 10— Vulkano. 11— Aloĵoj por kanto kaj sintezigilo.

Tiuj kanzonoj havas tekstojn de poemoj verkitaj en Esperanto de Kamaĉo, Neves, Fernández kaj Liven Dek. Eduardo Vargas, t.e. "SOLO", komponas la muzikon de siaj kanzonoj, modernan Pop-muzikon tre originalan, kiun li mem kantas, ĥoras kunmetante diversajn registrojn de sia propra voĉo per elktronika muntaĵo, akompanas sin per klavaro...

La koncerto, laŭ opinio de homo tute ne inklina al certa "moderna muziko", estis neeksplikeble brila. Temas pri spektaklo tute originala, saĝa miksaĵo de lumo, bildoj, melodio kaj sonora kanto, kiu komunikas lirikan mesaĝon plenan de riĉaj nuancoj: kelkfoje regas vibranta ritmo kvazaŭ tondraj sonoj venantaj el malproksima kosmo; en aliaj momentoj, el la melodiaj registroj kiuj prezidas la komponaĵon, ŝprucas mildaj sonoj, kvazaŭ belsonaj arabeskoj kun eĥoj el antikva orienta muziko.

Al mi plaĉis la koncerto, la spektaklo, la arto de Eduardo Vargas "SOLO". Gratulon al la artisto!

# La 21an de julio

La ĵaŭdo estis la tago por la Fermo de la Kongreso. La prezidanto Alonso prezentis la Konto-Etaton de HEF dum la pasinta jaro, kaj ankaŭ tiun de Libro-Servo, ambaŭ jam publikigitaj en la lasta numero de "BOLETIN", kiuj estis unuanime aprobitaj.

Ne nur unuanime, sed ankaŭ aklame oni aprobis la nomumon de niaj elstaraj samideanoj S-roj Fernando de Diego kaj Luis Hernández Izal Honoraj Membroj de HEF. Eble nenecese, ni rediru iliajn atutojn, ĉar ne grizaj vortoj, sed okulfrapaj faktoj parolas: Fernando majstre tradukis el la hispana en Esperanton dum jardekoj, Luis kolektadis senlace ĉion rilatan al nia Esperanto same dum jardekoj: temas pri du tutaj vivoj dediĉitaj al la sama lingvo kaj — kial ni ne diru? al la sama idealo. Nian plej elkoran gratulon al ambaŭ eminentuloj.

La prezidanto tuj komentis la Raporton de la HEF-estraro kaj unuavice elstarigis la kompetentecon kaj oferadon montritan de la Valenciaj esperantistoj, preziditajn de Augusto Casquero de la Cruz, en la organizado de la UK okazinta pasintjare en Valencio. Substrekinda ankaŭ la financa profito, kiun HEF jam ricevis sekve de la bonaj ekonomiaj rezultoj de la Kongreso, ĉar en ĉi momento la Kasisto komunikas al ni, ke UEA enkasigis al ni kiel kongresprofiton: 1.828.685 ptojn. La prezidanto proponis, do, al la asembleo, esprimi nian gratulon al la indikitaj valencianoj per forta aplaŭdo.

En la nomo de HEF, la prezidanto ankaŭ esprimis sian dankon al jenaj samideanoj: a) al s-roj Gian Carlo Fighiera kaj Juan Carlos Sierra pro iliaj plurjaraj klopodoj kiuj fruktis je tio, ke HEF ricevis la oficialan agnoskon pri Publika Utileco. b) al nia Ĉefredaktoro s-ro Antonio Marco Botella pro lia laboro, akurateco kaj kvalito en la redaktado de *Boletín*. c) al s-ro Luis Hernández García kaj s-rino Rafaela Urueña Alvarez kiel zorgantoj kaj responsuloj de Libro-servo. Kaj, cetere, al tiuj sindonemaj laboristoj de HEF, kiuj, kvankam ne menciitaj, estas en la menso de ni ĉiuj, al ili do ni dediĉas aplaŭdadon kiel dankon kaj omaĝon, kiel efektive tiel okazis.

En la tagordo venis la livero de la premio Klara Silbernik, kiun oni donis al sinjorino M-a Pilar Gayarre Villoria, edzino de nia samideano Antonio Marco. La omaĝata virino ricevis la premion kaj florbukedon de manoj de la edzinoj de Luis Serrano kaj Hernández Izal. Samideano Marco esprimis

sian dankon propranome kaj ankaŭ en la nomo de sia edzino, dum tondris aplaŭdoj.

Kiel lasta punkto de la tagordo venis la legado de ĉiuj decidoj aprobitaj de la laborkomisionoj en ĉi kongreso, kies teksto jam ĉi-supre ni prezentis tuj post la koncerna aprobo en la respektiva komisiono.

La prezidanto Alonso antaŭ ol fermi la kongreson, legis la komunikaĵojn al ĝi adresitajn, inter ili telegramon de la prezidanto de la Grupo "Ĉielarko" de Alquerías (Murcio), kiu sin proponas por organizi la HEF-kongreson en 1996. Tiu estis bona okazo por paroli pri proponataj urboj por la venonta jaro, sed pro neekzisto de firmaj proponoj oni konsentis, ke la estraro esploru inter pluraj urboj probablaj. La prezidanto legis ankaŭ alian telegramon de la prezidanto de Kataluna Esperanto-Asocio deziranta sukceson al nia kongreso. La respondo al tiu telegramo estis jena: Al: S-ro Josep Franquesa i Solé. Prezidanto de Kataluna Esperanto-Asocio. «Tre estimata Prezidanto kaj samideana amiko: Kun ĝojo ni ricevis vian telegramon de hieraŭ. Ni ĝin laŭte legis dum nia Solena Kongres-Fermo, kaj ĝi estis longe kaj varme aplaŭdata. Ni estus tre feliĉaj, se tiu telegramo konsistigus vian unuan paŝon por via reveno —sopirata de ni— en Hispanan Esperanto-Federacion, kaj en ĝi okupi propran gravan rolon. Kun plej altestimaj kaj samideanaj salutoj, persone via kaj esperoplena». Antonio Alonso —HEF-Prezidanto—.




Daŭrigis la prezidanto en sia danko-ĉapitro esprimante sian sinceran dankon al ĉiuj kongresanoj, kiuj ofereme kunlaboris ĉi tie en niaj kunvenoj, kaj ankaŭ al tiuj HEF-membroj, kiuj, eĉ ne ĉeestante, kontribuis per siaj proponoj kaj laboro al la sukceso de la kongreso, sed speciale li emfazis la taskon de tiuj, kiuj ene de la komisionoj, tiel arde kaj entuziasme laboregis kaj per ilia agado atingis, ke ĉi 53a HEF-Kongreso estu meritoplene nomata KONGRESO DE LABORO kaj EFIKO.

La himno LA ESPERO, unuanime kunkantata, metis finon al nia kongreso en Malago. Kompreneble, tagmeze okazis la kutima bankedo. La menuo tre bonis, kvankam ĝi vere ne superis la amikeman etoson regantan de la komenco ĝis la fino.

*La Redakcio*




## 15a Hispana-Franca Renkontiĝo

Organizite de la Esperanta Centro "Frateco" de Zaragozo okazis ĉi-jare tiu Renkontiĝo en Graus (Huesca), patrujo de la eminenta intelektulo Joaquín Costa. Geesperantistoj de ambaŭ flankoj de Pireneoj kunvenis en tiu ĉi urbo dum semajnofino. La precipa celo estis interŝangi impresojn pri siaj respektivaj movadoj, turismi kaj iel helpi nian samideanon Lorenzo Mediano organizi Esperanto-kurson en la urbo. Prelegis pri la alta nivelo de poezio kaj filozofio en Al-Andalus samideano Antonio Marco, kiu eksplikis la influon de sciencistoj kaj poetoj en la socio de tiu epoko kaj speciale en Kordovo kaj Zaragozo.

La sekvan tagon oni veturis al la vilaĝo origine juda- araba Ruthah al-Yehus (Roda de Isabena), kiu situas sur alta monto, kaj tie oni vizitis romanikan katedralon, kies origino datas de la 10a jc., kun atentindaj artaj trezoroj, kiujn oni studis kaj komentis surloke. La komuna tagmanĝo kaj ĝenerale la personaj kontaktoj de francoj kaj hispanoj taŭgis por plifirmigi la bonajn rilatojn de ambaŭ najbaroj.

## Novaj adresoj:

Nia samideano Augusto Casquero de la Cruz komunikas al siaj amikoj kaj korespondantoj, ke dum unu kompleta jaro li loĝos en Slovakio kaj lia adreso estas: Augusto Casquero; Budova Tel'ska 3224 /15 (Spiŝska Sobota), 058 01 POPRAD, SLOVAKIO.

Ankaŭ ŝanĝas sian adreson Esperanto Centro en Stockholm, Sveda Esperanto-Federacio kaj la gazeto "La ESPERO", kies nova adreso estas: Esperanto-Centro; Vikingagatan, 24. S-113 42- Stockholm, Svedio.

## Tria Afrika Kongreso

Post la Unua kaj Dua Afrikaj Kongresoj okazintaj en 1990 kaj 1991 oni atendis la Trian, sed ĝi ne okazis, kvankam Eŭropaj kaj Afrikaj kongresintoj entuziasme partoprenis la antaŭajn. La afero estas tre simpla, la Tria kongreso ne okazis ĉar la subvencioj de UEA ne sufiĉis por

nova kongreso. La esperantistoj de Ganao proponis gastigi la Trian Kongreson, kiu okazos de la 23a de decembro de 1994 ĝis la 7a de januaro de 1995, en la konstruaĵoj de Nacia Sporta Kolegio en Winneba, Ganao. La programo estos varia, kaj la vetero bela (ĉ. 25 gradoj), la loĝejo simpla kaj agrabla. Informoj: H.Bakker, Kastelenstraat, 231. 1082-EG AMSTERDAM. Nederlando.

## Dua Internacia Kultura kaj Turisma E-semajno

La Hispana Esperanto-Muzeo organizas E-Semajnon okazontan en la Centro Borja de Sant Cugat del Vallés, de la 15a ĝis la 22a de oktobro de tiu ĉi jaro. Tre interesa programo surbaze de prelegoj, ekskursoj kaj vizitoj. Informoj: Kultura Sekcio de Hispana Esperanto-Muzeo, Apartat 15027. 08080- BARCELONA. Hispanio.

## La EŬSKA KVERKO kreskas

Aperis jam la kvara numero de ĉi belaspekta kulturpolitika revuo pri Eŭskio, eldonita de Eŭska Esperanto Asocio.

La abontarifo por 4 numeroj estas 1.000 ptoj (15 nlg), sed eblas 40%-a rabato por studentoj, senlaboruloj kaj nepagipovuloj (prova n-ro estos sendita tute senpage al ĉiu interesito).

Administrejo: Grupo Esperantista, Barrenkale Barrena 7-1, E-48005 Bilbo, Eŭskio, (Hispanio).

## Dua Atlantika Plonĝado

Ciujarte sunas en suda Portugalio komence de novembro. Ĝuu tiun somerecan veteron ĉi-jare okaze de la Dua Atlantika Plonĝado (10—13/-11/94, apud Lisbono, en la urbeto Troia.

Estos distra programo en la apudaj plaĝoj kaj amuzejoj, prelego de Gonçalo Neves kaj movada diskuto. Kontaktu: Portugala E-o Junularo, Rua Dr. Joáo Couto 6 r/c A, P-1500 Lisboa, Portugalio.



## Fundación Cervantina

S-ro Miguel Gutierrez Adúriz, Direktoro de *Fundación Esperanto*, transdonis al S-ro Eulalio Ferrer, Prezidanto de la *Fundación Cervantina de Mexico* ekzempleron de la verko "Don Quijote" en Esperanto, okaze de lia vizito al la ĉefurbo de Kantabrio.

S-ro Ferrer, kiu konfesis sin iama esperantisto, dankis la donacon ne nur surloke, sed poste el Meksikio, sendante belan ekzempleron pri pentraĵoj kaj poemoj en rilato al la pinta verko de Cervantes.

# Esperanto-kurso en via televidilo




## La plej populara kurso de la BBC por televido nun en PLENA ESPERANTA VERSIO!

En Malago la kongresanaro povis spekti specimenon (tamen en la angla) de ĉi bonega kurso, sed en Seulo jam pretis la unua ĉapitro tute en Esperanto. La rezulto estas vere mirinda. Ni vidu kion diras Andrzej Pettyn: Mi havas nepon kaj nepinon, kiuj aĝas respektive preskaŭ 6 kaj 4,5 jarojn. Ricevinte la unuan esperantigitan prov-lecionon de la nova vidbenda E-kurso **Mazi en Gondolando**, tuj surbaze de ĝi mi komencis fari ekzercojn kun miaj genepoj. Mi devas konfesi, ke la surpriziĝo pri la pozitiva efiko de ĉi tiu instrumaterialo estis grandega! La genepoj tuj, kaj cetere ege volonte, sekvante miajn sugestojn ripetis ĉion, kion ili aŭdis pere de la vidbendo, ĉiun frazon, ĉiun vorton, ili eĉ imitis la parolmanieron de *Korvacs*, unu el la herooj de la instru-filmo (jen la potenco de vidbendo!).
Mi ricevis la impreson, ke pere de la projekto *Mazi* mi tre rapide, en kunlaboro kun mia edzino, instruos Esperanton al miaj genepoj. Estis amuze, ke eĉ mia 24-jara filo aliĝis al la ripetado kaj respondado de frazoj. Jes, antaŭe, kiel patro-esperantisto kune kun la edzino mi multfoje provis esperantigi lin, sed vane. Kaj jen montriĝis, ke *Mazi* influis tion, kion ni ambaŭ pli frue ne sukcesis atingi.



**Mazi**

| | |
|---|---|
| Kantabra Esperanto-Asocio | 3 |
| Antonio Alonso Núñez | 1 |
| Madrida Esperanto Liceo | 1 |
| Valencia Esperanto-Grupo | 2 |
| Esperanto-Muzeo | 1 |
| Merida Esperanto-Grupo | 1 |
| Astura Esperanto-Asocio | 1 |
| Luis Salag | 1 |
| Miguel Gutiérrez | 1 |
| KAE | 1 |
| Antaŭen | 2 |
| Hispana Esperanta Fervojista Asocio | 10 |
| Kongresnumero 19 (Malaga) | 1 |
| Cabezos | 1 |
| Barcelona Esperanto Centro | 1 |
| Andaluzia Esperanto Unuiĝo | 1 |
| Marcos Cruz | 1 |
| Hispana Esperanto-Federacio | 6 |
| Miguel F-dez Martín | 1 |
| Grupo Esperantista de Bilbao | 5 |
| Provizora totalo: | 41 |

Jen unu el la plej apogindaj projektoj de la Internacia Esperanta movado. Kompreneble **HEF** decidis, okaze de la Hispana Kongreso en Malago, plene apogi ĝin per *kuna kaj amasa aĉetado de ĉiuj hispanaj esperantistoj*.

# Faru tuj vian mendon!

Kune kun la vidbendo (180-minuta), kiu konsistas el 12 partoj (lecionoj), vi ricevos adaptitan lernolibron internacie uzeblan. Nun la prezo estas nur 7.000 ptoj. Solidaru kun la movado kaj profitu la okazon.

Bonvolu telefoni al la kunordiganto de la mendoj, Miguel Gutiérrez, tel: **942-260058** (ankaŭ estas aŭtomata respondilo), aŭ skribu al li: Floranes 57 2° C, 39010 Santander. Antaŭ la fino de Novembro.



Oni okazigis la 70an Universalan kongreson en la kadro de la 600a datreveno de kiam Seulo fariĝis Korea ĉefurbo. La slogano "Vizitu Koreion" aperis kiel emblemo en la tuta lando signifante la terglobon, la harmonion inter la koloroj, laŭ la orienta signifo, kaj la esperon pri paca akordo inter la homoj de la mondo. Ĝuste en tiu etoso kaj en la kadro de kongrescentro de la luksa hotelo Sheraton, okazis dimanĉe 24an de julio, la solena inaŭguro de la Kongreso, en la halo Zamenhof, kun ĉeesto de 1800 partoprenantoj, kiuj altiris la atenton de la Prezidanto de la Korea Ruĝa Kruco kaj eks-ĉefministro de Koreio D-ro Kang Young-hun. Lin surprizis la multnombra partopreno, malgraŭ la tikla nuklea situacio ekzistanta en la korea duoninsulo.

# UK en la lando de `la kvieta mateno´

Post la inaŭguro, la urbestro de Seulo invitis la komitatanojn de UEA kaj aliajn gravulojn al tagmanĝo laŭ okcidenta maniero en la hotelo.

La temo de la kongreso estis "Azio en la mondo", kaj jam ekde la enkonduko, kunordigata de prof. Daŝgupto, kiu dividis la debatojn dum la semajno laŭ subtemoj, oni konstatis la konfliktojn ekzistantajn en Azio nuntempe inter la tradicio kaj la moderniĝo en ĉiu kampo, ĉar vere ne temas pri ununura kulturo aŭ historio, sed pri aro da influoj.

Dimanĉe okazis ankaŭ la inaŭguro de la IKU-prelegoj. Nunjara Rektoro estis D-ro So Gilsu, kaj la unua prelego akordiĝis al la kongresa temo, ĉar D-ro Lee Chong-Yeong prelegis pri la rolo de Azio en la mondo. Aliaj tre interesaj prelegoj okazis, kiel tiu pri la silka vojo de prof. Liu Caisheng kaj tiu de prof. Orellana, el Argentinio pri la kalkulsistemo en la indianaj lingvoj de Sudameriko. Same interesis la prelego s-ro Benczik pri "1989 kaj la sekvoj", en kiu li skizis la sekvojn de la komunisma sovetia disfalo, aŭ tiu de prof. Glossop pri "La milito kiel politika problemo", se mencii nur tiujn prelegojn, kiujn mi ĉeestis.

Kiel ĉiujare, la Oomoto-kunsido altiris la atenton de multaj kongresanoj, eble pro la kompleta programo, kiu enhavas meditadon, du prelegojn pri Azio, pupteatron, te-ceremonion, popoldancon, magio, filmon, ktp.

La komitato de UEA regule kunsidis kun partopreno de s-ano Hernández, kiel reprezentanto de Hispanio. Ankaŭ okazis diversaj kunsidoj de UEA, inter kiuj mi elstarigos tiun pri "landa kaj regiona agado", en kiu s-ano

Hernández García informis, ke la ŝtato honoris nian HEF per la titolo "Nacia Asocio de Publika Utileco", dank'al la sukcesa okazigo de la UK en Valencio, ĝuste kiam aperis plendoj pri lukso de kongresejo, altaj prezoj en la aliĝoj, ktp.

La kultura flanko en tiu ĉi kongreso ne estis flankenlasita. Oni prezentis vidbendon de s-ro Dobrzinski titolitan "La spuroj de mia avo", en kiu parolas D-ro Zaleski-Zamenhof, nepo de la kreinto de Esperanto, antaŭ la diversaj loĝejoj de la familio Zamenhof-Silbernik, en Polio kaj en la nuna Litovio.

Ankaŭ interesaj estis la prelegoj por diskonigi la korean kulturon. Mi ĉeestis tiun pri "Aspektoj de la korea kulturo" de s-rino Hortensio, kiu klarigis al ni pri la tradiciaj vestaĵoj, manĝmaniero, arto, ktp.; kaj ankaŭ en la prelego pri "Enkonduko al la korea historio" de prof. Ma Young-tae, en kiu mi lernis ion pri la historio de Koreio.




Dum la tuta kongreso, Libroservo funkciis kiel kutime, ĉijare eble pro malproksimo de la Centra Oficejo kaj transportproblemoj, mi trovis ĝin ne tro riĉoenhava. En alia kunsido pri "Libroj de la jaro" oni prezentis la novaĵojn eldonitajn.

Kiel tradicie, diversaj fakaj kunsidoj okazis, kaj mi mencios tiun pri la Esperanta Jura Asocio, prezidata de mi, kiu, kvankam ankoraŭ ne multnombra, ĉijare havis la bonŝancon, ke ĝin partoprenis D-ro Ralph Harry, eksambasadoro de Aŭstralio en la Unuiĝintaj Nacioj.

Ĵaŭdon, la 28an de julio, estis la "Tago por la Paco", kaj oni traktis dum la tuta mateno pri "Azia vojo al paco" per kontribuoj de D-ro Harry, de korea filozofo Chung Hwan-gun, aŭtoro de broŝuro pri "Nova mondo" kaj aliaj, kaj je la fino okazis vigla kolokvo.

Tre bela kaj sukcesa estis la Korea Nacia Spektaklo, okazinta la 29an matene (kaj ne vespere kiel kutime), en la granda halo Zamenhof, subtenata de la Korea Turisma Korporacio kaj la Korea Nacia Instituto de Tradicia

Muziko, kie oni prezentis al ni kortegajn dancojn kaj folkloran muzikon, kiu impresis nin pro la beleco de la kostumkoloroj kaj la malnovaj instrumentoj.

En tiu senco ankaŭ estis interesa la teatraĵo "Inventante, ke mi sonĝas" ludita de Vida Jerman, el Kroatio, en kiu ŝi monologas ŝajnigante, ke ŝi sonĝas pri sia vivo, kredoj, angoroj, ploroj, ktp.

La solena Fermo okazis sabate, la 30an de julio, ankaŭ en la Zamenhof-halo, kaj ĝi metis oran broĉon al la brila Kongreso. Post kortuŝaj paroloj de la prezidanto de UEA kaj de la ambasadoro de Finnlando en Seulo, oni interŝanĝis la flagon por kunporti al Tampereo. Grava estis la rezolucio de la Kongreso, ĉar ĝi emfazis la gravecon de la paco en la korea duoninsulo, en Azio kaj en la mondo, kaj la rekomendo antaŭenigi la interpopolan komunikadon per uzado, inter aliaj, de Esperanto.

Tiel finiĝis tiu ĉi UK kun aromo de ĝinsengo, kie ni, okcidentanoj, estis minoritato, sed kie bonkoreco kaj helpemo de la koreaj samideanoj, kiuj bonege deĵoris en la informejo, faris ke ni ne nin sentu eksterlandanoj, kaj ankaŭ ke ni ne sentu tiel forte la grandan varmon, ne nur ekstere (vere terura), sed ankaŭ interne de nia kongresejo.

*M.R. Urueña*

# Grava kulturpremio al "Heroldo"

La germana Fondaĵo "FAME" asignis al "Heroldo de Esperanto" kaj al la verkistino Spomenca Štimec la kultur-premion 1994 (po 5 mil markoj), pro ilia kontribuo al la disvastigo de kulturaj verkoj kaj subteno de internacia kompreniĝo.

La monda sendependa gazeto HdE (16 numeroj jare) aperis ĝis nun preskaŭ 1.900 fojojn en pli ol ses milionoj da ekzempleroj. Cetere "Heroldo" eldonis ĉ. 100 E-librojn kun pli ol 20.000 paĝoj. Famaj fariĝis ĝiaj modernaj lernolibroj, plurfoje reeldonitaj, en: Esperanto, angla, hispana, franca kaj itala lingvoj.

Antaŭ la milito, "Heroldo" estis malpermesita de la Gestapo kaj Teo Jung, ĝia fondinto, rifuĝis en Nederlando: en la postmilitaj jaroj la gazeto aperadis sinsekve en Scheweninghen (Nederlando), Bruselo (Belgio), Madrido (Hispanio) kaj, nun, en Torino (Italio). La hispana peranto estas Luis Serrano (vidu 31an paĝon).

# Deĉifraĵo de Kamaĉaĵo

Se beletro fariĝas kaosa kaĉo,
Kulpon povas havi Georgo Kamaĉo.

**Broŝuro sen poluro**

En 1991 aperis kolektaĵo da rakontoj kaj noveloj el la plumo de Georgo Kamaĉo (pseŭdonimo de Jorge Camacho)[1]. En tiu ĉi artikolo mi ne intencas recenzi la tutan verkon sed limigos min nur al profunda dissekco de la peco titolita "kiam vento ne blovas" (pĝ. 19-23).

Legonto, kiu malfermas la libreton tuj ricevos malagrablan ŝokon, ĉar falos en liajn manojn folio surhavanta korektendaĵojn -24 el ili sur la 40 paĝoj de la broŝureto. Jen abomeninda ekzemplo de la amatoreco karakterizanta publikigon de libroj en Esperantujo. Krom la eraroj, perturban fluan legadon kaj klaran komprenon de la teksto la kaprica neuzo de majuskloj komence de frazoj. Eĉ pli grandan stumbligilon por legantoj kreas Camacho per bizara stilistika rimedo. Li prezentas sian rakonton en la formo de enigmo -ne ordinara vortenigmo kiel akrostiko, anagramo aŭ logogrifo- sed vera puzlo. Ĝi ne estas farita per pecoj de dissegita bildo sed konsistas el frazoj kaj alineoj distonditaj el la tuta verko kaj poste kunmetitaj en po tri kolumnoj sur kvin paĝoj. En tiu formo eĉ la plej atenta leganto ne kapablas sekvi la pensfadenon de la rakonto pro la disigeteco de ĝia enhavo. Sen apliko de speciala deĉifra ŝlosilo ĝi restas nebula arkano. Kiam la debuta versio de "kiam vento ne blovas" aperis en *Opus Nigrum* en 1988[2], mia impreso post la unua legado estis, ke ĝi estas nekohera rozario da pens-ĉifonoj efikanta pli-malpli same kiel esotera priumbilika filozofia meditado, kaj mi demandis min, ĉu iel estas eble ekstrakti sencon el tiu galimatio.

**Tute ne efikas la kamaĉa kovo; bezonata estas la kolumba ovo**

Ĉar mi ne inklinas permesi tekston en Esperanto esti tiel nekomprenebla por mi, mi reekzamenis la pecon de Camacho tre detale sub la lensoj de la intelekta mikroskopo por serĉi trair-vojon en tiu implikaĵo de nebulaj nocioj kaj marĉo de misideoj. Mi unue rimarkis, ke la sintaksa kaj semantika kontinueco interrompiĝis de unu kolumno da teksto al la sekva, do ili ne povas esti en la ĝusta vicordo. Je tiu punkto mi ne povis ekscii, ĉu respondecis la kompostinto de la teksto aŭ ĉu la aŭtoro vole kreis tiun konfuzaĵon, specon de reguleco en kaoso. Necesis, do, trovi iun manieron kunligi la kolumnojn, por ke la legado fariĝu konsekvenca. Mia dua observo estis, ke en kelkaj kolumnoj la lasta vorto kaj la unua vorto estas dividitaj per

streketoj. El la brumo kaj fumo jen la lumo! Tio estas la helpilo por trovi la konsekvencan ordon de la kolumnoj. Jen unu ekzemplo: la *lasta* linio de la unua kolumno sur pg. 19 estas "viv' paralele komplet-", kaj la *unua* linio de la unua kolumno sur pĝ. 20 estas "-iga. tial li devas motivi". La unua malkripta vorto estas "komplet-iga". Manke de dividitaj vortoj, oni devas serĉi sencligojn inter la lasta kaj unua vorto de kolumnoj. Tiu ĉi procedo estas pli malfacila, ĉar kelkefoje pluraj eblaj kunligoj prezentiĝas. Cetere, la malglata stilo de la aŭtoro ne faciligas orientiĝon en lia vort-labirinto. Sukcesa ligo troviĝas ĉe la fino de la tria kolumno de pĝ. 19, kie la adjektivo "praa" rilatas al la substantivo "adamopiteko" en la unua linio de kolumno tri de pĝ. 20.

Spertaj kriptanalizistoj[3] ofte intuicie trafas iun sisteman traktadon de ĉifrita teksto kaj tiel pli rapide atingas solvon. Ĝuste tio okazis en la nun analizata teksto. Tiu dua, interna ŝlosilo rivelas kiel la kolumnoj estas aranĝitaj por pli flua kaj konsekvenca legado. Oni jam vidis, ke la lasta linio de la *unua* kolumno sur pĝ. 19 ligiĝas kun la unua linio de la *unua* kolumno de pĝ. 20, kaj la lasta linio de tiu kolumno ligiĝas kun la unua linio de la *unua* kolumno de pĝ. 21. Kiam oni atingas la finon de la unua "kolumno-ĉeno", oni komencu novan "ĉapitron" ĉe la dua kolumno sur pĝ. 19, kaj post tio per la tria kolumno sur pĝ. 19.

Sekvas en resuma formo la vicordo de legado de la teksto, kies partoj estas signitaj per literoj de la Esperanta alfabeto. La kolumnoj estas numeritaj sinsekve de 1 ĝis 15 sur la kvin paĝoj (vidu la tabelojn).

| Paĝo | Kolumno | Tekstero |
|---|---|---|
| 19 | 1 | A |
| 20 | 4 | B |
| 21 | 8 | C |
| 22 | 11 | Ĉ |
| 23 | 15 | D |
| Paĝo | Kolumno | Tekstero |
| 19 | 2 | E |
| 20 | 5 | F |
| 21 | 9 | G |
| 22 | 12 | Ĝ |
| Paĝo | Kolumno | Tekstero |
| 19 | 3 | H |
| 20 | 6 | Ĥ |
| 20 | 4 | I |
| 21 | 7 | J |
| 22 | 10 | Ĵ |
| 23 | 14 | K |
| Paĝo | Kolumno | Tekstero |
| 22 | 10 | L |
| 23 | 13 | M |
| 23 | 15 | N |

### Tubero en la afero

Kiam oni atingas la finon de la unua kolumno sur pĝ. 23, troviĝas sur la lasta linio la vortoj "stumblis vundate, mi" frazero, kiu ne havas ligon sed ŝvebas en aero. La kialo estas la manko de la sekvaj linioj,

kiuj enestis en la unua versio de "kiam vento ne blovas".

kuŝas trafite per
klingo ruste lancina
kaj sonĝas, ke min
sursidas apokalipsa
rajdanto kun jataga-
no apike damokla,
ke min vartas morti-
no per giloŝa ponar-
do, kiu segetas gor-
ĝon kaj jugularon
sekcas, dum ŝi rikan-
balbutas *—fkarf,*
*nirl, krelv, mrolm—*
karese kvietigajn
gruntojn...
(*madrido*, 87. 10. 10-12)

Ĉu vere gravas, se tiuj 16 linioj ne estas inkluditaj? Tu-u-ute ne! Efektive, en la verko de Camacho ne gravus, eĉ se 160 linioj mankus! Ĉu gravus, se oni legus la pecon sen utiligo de la gvidinstrukcioj pri konsekvenca legado de kolumnoj? Ankoraŭfoje ne! Oni eĉ povas retrolegi la tekston, kaj la vortlaksa efiko same restos. Provu tion.

**Konkludo**

Post pena kunmetado de la dismembrigitaj tekst-partoj de "kiam vento ne blovas", serioza leganto konkludos, ke la rezulto estas nek leginda nek legebla, kaj ĝi meritas la karakterizon de majstroverko de mensa masturbado. Jes ja, "oni rajtas verki ibere kaj libere sed tute ne pensbave kaj mensmave".

*Bernard GOLDEN*

**Notoj**

1. *sur la linio*. eldonejo bero: berkeley, kalifornio; 1991. 40 pĝ. 2a kiam vento ne blovas: pĝ. 1-5 en: *Opus Nigrum*; Esperanta Scienca Student-grupo de Budapeŝta Universitato; 1987/3.
2. Bernard GOLDEN. Provo deĉifri la enigman versaĵon "kiam vento ne blovas": pĝ. 15-16 en *Opus Nigrum*; 1988/3.
3. *kriptanalizisto* -deĉifristo de kriptogramoj, sekretaj kodoj kaj ĉiuspecaj kriptaĵoj.

---

# NOVA KASEDO

*Vulkano* de Solo, kasedo, eld. Solo, Málaga 1994
Nova originala muzik-verko

Ĵus aperis kasedo de Solo (pseŭdonomo de Eduardo Vargas) kun 18 kantoj, kies tekstoj estas poemoj el *Ibere Libere*, la komuna originala poemaro de Gonçalo Neves, Georgo Kamaĉo, Liven Dek kaj Miguel Fernández, eldonita de *Pro Esperanto* (Vieno) en 1993. Kiam ankoraŭ ne pasis unu tuta jaro de post la prezento de la libro en la valencia Universala Kongreso, Eduardo Vargas, Solo, sukcesis komponi muzikon por diversaj poemoj kaj poemfragmentoj de la kvar aŭtoroj. Krom komponi kaj kanti, li ankaŭ ludis pli ol dudek instrumentojn, kies sonojn li miksis, registris kaj eldonis.

En lia muziko aŭdiĝas tonoj kaj eĥoj iberaj kaj mediteraneaj, foje memorigantaj ankaŭ la araban muzik-arton. Interese, ĉu ne? Prezo de la kasedo kun tekstokajero: 1500 pesetoj (aŭ egalvaloro). La kasedon oni povas mendi de li mem kaj de la libroservo de HEF. Lia adreso: Ayala 3; ES-29002 Málaga.

# SURTERE

Kvankam mi ne intencas altrudi proprajn opiniojn al ceteruloj, tute certe mi perfidus min kaj aliajn samideanojn (kiuj konsideras urĝe uzi Esperanton nealtruisme) se mi silentus. Tial ĉi atentigojn:

— Esperanto estas publika, ne privata esprimilo.
— Neniam lingvo pluvivas daŭre kaj bonfarte sen profitcela aplikado.
— Escepte de prigramatikaj studemuloj, oni aliras al la lingvoj serĉante, preskaŭ ekskluzive, efikan rimedon gajni monon.
— Ĝis nun, apenaŭ estis uzata nia internacia lingvo en profesiaj agadoj, kvankam inter ni abundas istoj: kuracistoj, instruistoj, muzikistoj, tradukistoj, komercistoj, oficistoj...
— Esperanto nepre bezonas gejunulojn, kaj ĉi tiuj nepre bezonas kapabliĝi por perlabori panon.
— Nuntempe, por varbi gelernantoj por Esperanto ne sufiĉas la interna ideo, nek la Esperanta beletro, nek la internacia amikeco.
— Hodiaŭ estas necese pruvi, ke oni gajnas monon uzante Esperanton anstataŭ alia lingvo.
— Ĉar mi mem devas *prediki* per nia propra agado kion ni postulas de aliuloj, ni aplikadu Esperanton (rimarku ade) ankaŭ ekster la movado.

Ni laboru senlace kaj persisteme kaj neniu rezignu se malsukcesas. Bedaŭrinde, ĝis nun, la esperantistaro elstaris *utopiece*. Hodiaŭ kiam akra pragmatismo karakterizas nian socion, ni elstaru ankaŭ *ekonomiece*.

Alilandaj samideanoj komprenis tion kaj kunlaboras en profitcela aplikado de Esperanto. En Hispanio, Andaluzia Esperanto Unuiĝo prizorgas tion per si kaj nome de HEF, kaj en 3 el la paĝaro de *Gazeto Andaluzia*, ĝi ĉiam aperigas ekskluzive anoncojn en Esperanto. De nun, laŭ konsento en la 53a HEF-Kongreso, *en ĉiu numero de BOLETIN aperos minimume unu paĝo tiucele*. En tiu fako ni promocios per senpagaj anoncoj la aplikadon de Esperanto en komercaj kaj ekonomiaj celoj al neesperantistaj entreprenoj.



HEF ankaŭ publikigos en BOLETIN, senpage, anoncojn kun tiu karaktero al niaj membroj, sed ne plu ol trilinian.

*Andrés MARTIN*




## KOMERCAJ ANONCOJ POR APLIKADO DE ESPERANTO

★ IMS estas specialisto por naciaj kaj internaciaj translogigoj. Speciala fako estas la organizado de translogigoj (en kaj eksterlande) de kunlaborantoj de entreprenoj, kiuj internacie laboras. Pri tio ni havas spertojn el pli ol 20 jaroj. Ni garantias senzorgan pason de translogogoj de viaj kunlaborantoj kaj ties familioj. Niaj fakuloj pri transporto plejparte scipovas la anglan, sed ĉiuj demandoj en la internacia lingvo Esperanto estos respondataj. Informoj: IMS; Ober Eschbacher StraBe 118; 61352 Bad Homburg v.d.H. Germanio.

---

## DEZIRAS KORESPONDI

★ 12-jara knabo lernanto dez. kor. kun ĉiuj landoj. Adreso: Raicel Garcías; C/Fructuoso Rodríguez (Sur) 79. Santo Domingo VILLA CLARA. CUBA-53000.

★ 14-jara juna hispano dez. kor. kun junaj geesperantistoj, prefere el Eŭropo. Mi eklernis Esperanton antaŭ ne longe. Bonv. skribi al: Nicolás Sarmiento; C/Ruiz Tapiador, 2. ES-50007-ZARAGOZA. Hispanio.

★ 13-jara knabo dez. kor. pri ĉiuj temoj. Bonv. skribi al jena adreso: Banices López; C/ 10, n-ro 21; Parque "Manacas". Manacas. VILLA CLARA. CUBA-57510

★ 26-jara benina studento: Houssou Gaston, s/c Houssou Paul, BP 163 Cotonou, Benino.

★ 24-jara brazilanino: Cristina Cruz dos Santos, Avenida Comendador Franco 7313 — B1 3B — ap 02, Bairro Uberaba, 81560-000 Curitiba-Paraná, Brazilo.

★ 24-jara novzeland-devena germanino: Christine-Ruth Kopytek, Mainzerstr. 54, D-55276 Oppenheim, Germanio

★ 45-jara pla radioamatoro: Zenon Rega, P.K. 10, 67-124 Nowe Miasteczko, Pollando.

★ 29-jara litova biologino: Rúta Vaičiúnaite, Rinktines 44ª—28, 2005 Vilnius, Litovio (hispanae: *Lituania*).

★ 39-jara brazilano: Ronaldo Elias El Achkar Domingues, Rua Geraldo Martins 176/301, Santa Rosa — Niterói — RJ, 24220-381 Brazilo.

★ 27-jara brazila psikologino: Sandra Regina Oliveira Assis, QE 32 Conj. G casa 29, Guará II, 71065-071 Brasília DF, Brazilo.

★ 30-jara tanzaniano: Salvatory Emmanuely, Dar-Es-Salaama Esperanto-klubo, P.K. 23390, Dar-Es-Salaam, Tanzanio.

★ Paŭlo Egbare K., s/c Chef Gnassingbe Kossi, G.A.T.—B.T.L. BP 938, Escadrille (Aeroport-Lomé), Togolando (hispane: *Togo*).

★ Du angolanoj: Aaron-Tudilu kaj Augusto-Lukelo, Palanka Esperanto-klubo, C.P. 1132, Luanda, Angolo.

# La malpureco kiel modo

Oni diras, ke la kultura modo de la naŭdekaj jaroj estas la malpureco. La etikedon oni fabrikis en Usono kaj oni nomas ĝin "dirty-chic", la malpureco plaĉe rigardata. Post ĝia disvastiĝo tra Nord-Ameriko oni eksportis ĝin al Eŭropo, kaj penetras sen rezisto nun en Hispanion. Tiu ne estas la malpureco de almozuloj, tute normala ĉe tiuj mizeraj marĝenaj situacioj, sed temas pri malpureco plaĉe celata, laŭmode luma, kun pretendoj de maleleganta originaleco enkadrigita ene de kontraŭkultura movado. Ĝiaj simpatiantoj ne estas rustikaj homoj, sed "kleraj" personoj, kiuj denuncas la starigitan nunan estetikon kaj abomenas "la bonajn formojn" de la burĝa socio.




La filozofo Carlos Díaz, katedra profesoro en la Universitato de Alcalá de Henares (Madrido), diris antaŭ ne longe en interesa prelego, ke "ni vivas sub la signo de Epikuro kaj Niĉeo". De la unua oni prenis tian feliĉon konsistantan ĝui la voluptojn de la vivo: la plezuron, kiun donas la bongusta manĝaĵo, la drinkaĵo kaj la sekso; de la alia, la plezuron fari tion, kion oni volas "ĉar mi volas kaj povas", la radikalan individuismon, la moralan nihilismon aŭ detruon de valoroj...

La emblemo povas esti la malfaro, la malpureco. La signifo de tiu pseŭdokultura malpureco estas sufiĉe ampleksa: komence estas korpa malpureco kontraŭa al la sinlavado. Ankaŭ estas mizera aspekto de vestoj kun evidenta prefero al tiuj rompitaj, nealĝustigitaj kaj ne harmoniaj inter si. Ankaŭ estas malpureco de ĉio, kio ĉirkaŭas la individuon: ne ekzistas faŝado nemakulita, eĉ la plej artaj aŭ historiaj ofte montras aĉajn legaĵojn aŭ krudajn bildojn; paperkorboj ĉirkaŭitaj de abundaj ruberoj disĵetitaj sur la trotuaro; la stratoj montriĝas malpuraj, detruitaj la florpotoj, la paperujoj kaj la stratolanternoj...Oni uzas pli kaj pli lingvaĉon surbaze de aludoj al prifekaj kaj seksaj partoj per krudaj vortoj, foje obscenaj, foje nekoheraj kaj malkompletaj. Cetere, tiu socia malpureco ŝmiranta personojn kaj grupojn iel koruptas la interrilaton en la socio, ridindigas la virtojn kaj mitigas la diboĉon... Ĉiu povas klare percepti, ke en tiu pseŭdokulturo bruema kaj malpura tute sensenca, vaporiĝis la humanismaj valoroj, ĉiuj signoj pri transcendo.

La solvo de tiu problemaro ne estas facila kaj postulas kiel unuan rimedon plene konscii pri la afero. Alpreno de perfortaj decidoj kontraŭ ekstremaj faroj havas certan pozitivan signifon, sed tute ne elradikiĝos la delikatan problemon. Tiaj kolektivaj situacioj estas, antaŭ ĉio, problemoj pri edukado. Mi opinias, ke persista edukado racie planita, kun la efika helpo de aŭdovidaj rimedoj kaj la konvinkita volo pri la absoluta bezono de tiu tasko por promocii la konstantajn homajn valorojn, povus bari tiun ondon de maldelikata fuŝa malpureco ĝis la estigo de personoj pli saĝaj, pli edukitaj kaj sekve ankaŭ urboj pli puraj kaj socioj pli sanaj en ĉiu aspekto.

*Manuel Marco*

---



## Recenzoj

**"Ilustrita historio de la laborista Esperanto-movado"**
Pluraj aŭtoroj. Fritz-Hüser Instituto. Dortmund, 1993. 115 pĝ.

Ĉi tiu dulingva (esperanta-germana) volumo prezentas kelkajn informojn, skizajn sciigojn kaj bibliografiajn referencojn por alproksimiĝi al la historio de la laborista Esperanto-movado. Konkrete, tiu ĉi libreto enhavas kvin kontribuaĵojn:

1.— Rainer NOLTENIUS: "Fritz Hüser-Instituto": La Fritz Hüser-Instituto pri germana kaj eksterlanda laborista literaturo estas la ununura instituto, kiu ekskluzive okupiĝas speciale pri la kultura historio de la laborista movado. Ĝi plenumas tri celojn: kolektado, esplorado kaj prezentado de materialoj. Ĝi aranĝas migrajn ekspoziciojn. Ekzemple, la partoprenintoj de la Universala Kongreso en 1993 en Valencio havis la ŝancon viziti la ekspozicion elmontritan de ĉi tiu instituto.

2.— Detlev BLANKE: "Germana Laborista Esperanto-Asocio": La unuaj laboristaj Esperanto-Grupoj fondiĝis komence de la 20a jarcento. Post la unua mondmilito, laŭ la iniciato de la franco Eugène Adam (pseŭdonime: LANTI) kreiĝis en Prago en 1921 SAT (Sennacieca Asocio Tutmonda).

En Germanio, la komercisto Leopold Schlaf eldonis ekde 1910 la revuon "Der Arbeiter Esperantist" (La laborista esperantisto) kaj fondis fikcian "Germanan Laboristan Esperantistan Asocion" kun sidejo en Dresde. Sed poste, la fikcio realiĝis: per iniciato de la laborista esperantista grupo de Leipzig "Frateco" oni starigis la "Germanan Laboristan Esperantistan Asocion" (GLEA).

En tiu asocio baraktis du tendencoj: unuflanke, la komunistoj kiuj emis orientiĝi al la sovetia perspektivo; kaj aliflanke, la socialdemokratoj kiuj preferis konservi certan partipolitikan neŭtralecon. Sed fine, post la ascendo de Hitler en 1933 GLEA estis forigita.

3.— Eduard WEICHMANN: "Kroniko": Skize kaj laŭ jar-referencoj oni mencias diversajn signifajn momentojn de la kunfluo inter Esperanto kaj la laborista movado.

4.— Ulrich LINS: "Esperantistoj en la Hispana Intercivitana Milito": La hispana intercivitana milito estis nacia tragedio kie la malamoj kondukis la homojn al tiu "glavo sangon sojfanta" ŝajne neeviteble. La artikolisto mencias du konkretajn personajn kazojn:

Julio Mangada Rosenörn, esperantisto kaj prezidanto de Hispana Esperanto-Asocio faris la militistan karieron kaj mobiliziĝis kiel generalo favore al la Respubliko, Zamenhof estis konsiderata de li "la plej granda sanktulo nuntempa". Li klarigis, ke li estas esperantisto ne pro tio, ke li konsideras Esperanton kiel nuran internacian lingvon sed ĉar ĝi entenas la ideon de vera frateco kaj per tutmonda uzado servas kiel plej efika elemento kontraŭ la malbenata milito.

Luis Hernández Lahuerta, komunisto, estis la ĉefredaktoro de "Popola Fronto", gazeto eldonita en Valencio subtitolita "Informa bulteno internacia pri (la) hispana lukto kontraŭ la faŝismo".

5.— Detlev BLANKE: "Elekta bibliografio pri esploroj pri la historio de la laborista Esperanto-movado": Oni parolas pri la Laborista Esperanto-movado, parto de la lingvo-komunumo de Esperanto, kiu estis stampita per la tiutempaj politikaj kaj ideologiaj interkonfliktoj.

La hitoriografio pri la Esperanto-movado, kaj specife pri la laborista movado estas maltroa. Ekzistas nur kelkaj studoj. Mencieblas tiuj de de Bruin (1936), Drezen (1931), Platiel (1935), la pli novaj de Lins kaj kelkaj faritaj speciale en la iamaj (tiel nomataj) socialismaj landoj.

6.— Jiri PROSKOVEC: "Superrigardo pri la Esperanto-arkivo de la Fritz Hüser-Instituto: En la historio de la Esperanto-movado okupas ne malgrandan lokon la Laborista Esperanto-movado. Fakte, Esperanto estis elpensita kiel instrumento por progresi al pli bona mondo kaj logike la laborista movado povis vidi en ĝi ilon por faciligi la internaciajn rilatojn kaj la antaŭeniro al pli justa socio.

*Lorenzo Noguero*

Kvina jarcenta datreveno de la

# Traktato de Tordesillas

La pasintan junion oni festis la kvinan jarcentan datrevenon de la subskribo de la Traktato de Tordesillas, kiu signifis la finon de la kvereloj inter Kastilio kaj Portugalio post la malkovro de Ameriko.

Tordesillas, urbeto situanta proksime al Valladolid estis tiutempe haltloko de la kastiliaj reĝoj, kiuj ankoraŭ ne havis fiksan kortegsidejon.

Sendube la malkovroj en la Nova Mondo ĉefrolitaj de Kastilio kaj Portugalio signifis la ŝanĝon de la tradicia koncepto de la mondo en la 15a jarcento kaj la evoluon de novaj politikaj, ekonomiaj kaj kulturaj modeloj. Temis pri la agado de du najbaraj landoj ĵetitaj al atingo de la samaj celoj kaj konkurantaj por ĝia atingo.

Se ni rememoras la historiajn faktojn, ni devas komenci en 1415, kiam Johano la 1a de Portugalio konkeris Ceuton kaj Henriko la 3a de Kastilio konkeris la Kanariajn Insulojn. Baldaŭ la strategia situacio de tiuj insuloj fariĝis motivo de disputoj inter kastiloj kaj portugaloj, kun kelkaj militaj konfliktoj kaj vigla diplomatia aktivado. La milito pri la heredado de la kastilia trono finiĝis per la Traktato de Alcaçovas (1479) Verdakaba Insularo, per kiu Kastilio konservis la posedrajtojn super la Kanariaj Insuloj kompense de la agnosko de la portugala posedo de Fez, Madejro, Azoroj, Verdababa Insularo kaj Gvineo, krom la rajto ekspansii suden de la Kanariaj Insuloj.

En 1481a la Papo Siksto la 4a ratifis ĉiun klaŭzon de la Traktato per buleo. Tiu interkonsento ebligis la pacon ĝis 1493a en ambaŭ kaj respektivaj sferoj.

Decida fakto por kompreni la gravecon de la Traktato de Tordesillas estis la serĉado de alternativa vojo al la Indioj. Ĉar la tradicia marvojo al Oriento tra Mediteraneo estis blokita de la turkoj, oni devis serĉi alian solvon. Portugalio elektis la cirkaŭnavigadon de Afriko, tra la Bonespera kabo, sed ĉio ŝanĝiĝis en oktobro de 1492a kiam Kolumbo, navigante sub kastilia flago, atingis, trapasante la Atlantikon okcidenten, Amerikon. La granda diplomatia aktiveco inter Johano la 2a kaj la Katolikaj Gereĝoj implicis denove la mediacion de la Papo. Diversaj buleoj de Aleksandro la 6a, inter ili la plej famaj "Inter coetera" fortikigis la kastilian pozicion sur la malkovritaj kaj malkovrotaj teritorioj situantaj okcidente. Sed Portugalio ne

## *PERADO DE REVUOJ*

### *HEROLDO DE ESPERANTO*

*La plej ofta internacia gazeto de la Esperanto-Movado.*
*Sub la redaktado de A. Fighiera-Sikorska, " Heroldo de Esperanto" unue aperis dum 17 jaroj en Bruselo, kaj dum 9 jaroj en Madrido: ekde 1988 definitive aperas en Torino. Jen ĝiaj ĉefaj karakterizoj:*

— *Granda formato, simila al tag-gazeto, kaj la vario de ĝia enpaĝiĝo.*
— *Ĝia ofteco estas de 16 numeroj jare.*
— *La abundeco de ĝiaj informoj, verkitaj en sinteza stilo kaj prezentitaj en multaj rubrikoj pri junularo, kongresoj, feriaj renkontiĝoj, libro-recenzoj, jubileoj, mallongaj informoj. Nia filmo, anoncetoj ktp...*

*Por 1995 ĝia abono kostas 2990 ptojn. Novaj abonantoj,se ili nun pagas por 1995, ricevas la lastajn numerojn de 1994 senpage. Anoncetoj ekz. pri korespondado, interŝanĝado ktp, ĝis 25 vortoj kostas 1000 ptojn. Anonceto mendita por dufoja intersekva apero, estos triafoje publikigita senpage. Ĉiu abono komenciĝas la 1an de januăro.*

### *INTERNACIISTO.*

*"Internaciisto" estas la organo de Komunista Esperantista Kolektivo (KEK).*
*Ĝi aperas ĉiun duan monaton, kaj konsistas el 16 paĝoj, kun formato D A-4, en brila papero, bone redaktita kaj bele presita. Ĝia enhavo estas adresata al la homoj amantaj kaj defendantaj la socialismon. Ĉiu rajtas eksponi siajn vidpunktojn politikajn rilataj al ĉiu tiu temo, komprenεble ĉiam sub la bazaj principoj de ĉi tiu asocio, kaj kiuj estas haveblaj en la sama adreso. Ĝia abono por Hispanujo estas 1500 ptoj.*
*"Internaciisto" ankaŭ okupiĝas pri la Eperanto-movado.kaj en ĝiaj paĝoj ankaŭ troviĝas artikoloj fremdaj al la pòlitiko,sed celantaj la plibonigon de la homaro.*

### *TRAVIVANTE LA KRIZON.*

*Libro verkita de s-ano Faustino Castaño. Ĝia tuta enhavo temas pri la diversaj travivaĵoj kaj kaŭzoj, kiuj devigis la metalurgiajn laboristojn de Asturio kaj Bilbao translokiĝi piede al Madrido (1992) por eksponi al la registario siajn petojn. En ĝi abundas tiutempaj ĵurnalaj fotoj pri la temo. Formato D A-4, 126 paĝoj, fotokopia reproduktado. Prezo 1500 ptoj.*

### *EL LENGUAJE TRANSFERIDO*

*Verkita de Pascual Pont "El Lenguaje Transferido" estas altnivela studo pri la rolo de Esperanto. La deveno de la parolo,laŭ sciencaj vidpunktoj, kiel povas esti la biologio, socia, sociala, komunika, politika, diplomatia kaj sendube pri ĉiuj ceteraj eroj, rilataj al nia vivo kaj medio. 133 paĝoj formato D A-4. Kastililingva eldono, fotokopia reproduktado. Prezo 1600 ptoj.*

*Mendoj: Luis Serrano Perez / Font Nova 32. 08202 / SABADELL (Hispanujo)*

konsentis pri tiu disdivido de la mondo kaj la ambasadoroj de Portugalio venis al Barcelono la 15an de aŭgusto de 1493a, kiam Kolumbo preparis la duan vojaĝon al Ameriko. En tiu etoso de internacia premo, Kolumbo ekspediciis duafoje la 26an de septembro de 1493a kaj, laŭ peto de la Katolikaj Gereĝoj li devis "desegni navigkarton, kiu science montros la situon de la malkovritaj teritorioj" por ebligi prezenti ĝin al la portugalaj diplomatoj.

Aliflante, Aleksandro la 6a, per alia buleo nomata "Dudum siquidem" akceptis la portugalajn obĵetojn kaj li stimulis ambaŭ regnojn kuniri, laŭ leĝeca konkurado al la regado de la Indioj, kun apostola celo sed laŭ diversaj vojoj: Portugalio orienten kaj Kastilio okcidenten. La disdivido de la Atlantiko inter ambaŭ kronoj, per mediacia decido de la Papo, signifis eble la lastan suverenecan agadon de la Sankta Seĝo, laŭ la mezepoka koncepto pri unueca kristaneco. Johano la 2a daŭrigis la portugalan esploron tra la afrika vojo al Hindio, dum Kolumbo iris denove al Ameriko.

Sed neniu konsentis pri la fiksitaj mejloj, kiujn Portugalio deziris ampleksi okcidente de la Verdakaba Insularo. Fine, en 1494a rekomenciĝis la diplomataj rilatoj kaj la 7an de junio de 1494a en Tordesillas ili subskribis du traktatojn, la ĉefan agnoskantan la limdifinon je 360 marleŭgoj okcidente de Verdakaba Insularo. Oni deziris la pacon kun Portugalio kaj revizii la Traktaton de Alcaçovas post la malkovroj en Ameriko. Kiu gajnis aŭ kiu malgajnis? Eble neniu. Portugalio defendis la vojon suden kaj ĉiam al Hindio, kaj Kastilio siajn kolumbajn malkovrojn por eviti neoportunan militon, Tiel, Kolumbo, kiu estis la kaŭzanto de la malkonkordo en 1492a estis samtempe helpanto al restarigo de la paco per decida dokumento, kiu estis eble la unua navigkarto de la Atlantiko.

*M.R. Urueña*

---

## DEZIRAS KORESPONDI — 2

★ 54-jara ukrajnano kun edzino kaj du infanoj, dez. kor. kun gefrancoj kaj gehispanoj pri libroj, bildoj, blazonoj, flagoj, tipaj vestoj, ktp. Interesatoj bonv. skribi al jena adreso: Nikolaj Starodubcev, ul. N. Ostrovskogo, 12-16. 340120-DONECKO. Ukrajno. Ucrania.

★ Infanoj kvar/ses/ok/dek-jaraĝaj de lernejo de Taŝkent dez. kor. kun samaĝaj hispanaj infanoj. La leteroj devas esti redaktitaj kun paralela traduko hispana-esperanta tamen la teksto skribita de la infano mem. Bonvolu skribi al la prof. de la kurso: Esperanta Kurso; ab/k 140, Poĉtamt. SU-700000-TAŜKENT. Uzbekistan.

★ 47-jara polo dez. kor. pri turismo, literaturo, geografio kaj kolektas poŝtmarkojn, bildkartojn, librojn, ktp. Interesatoj bonvolu skribi al jena adreso:
Jeny Lewandowski;65-536 Zietona Gora. str. S.Wyszyirskiego 21/56. Pollando. Polonia.




## Grava korekto

La "Spezkonto de HEF por la jaro 1993" erare prezentas en la fako "Elspezoj" la koston de la eldono de *Tirano Banderas*, kiel 163.162 ptoj, kiam ĝi fakte estis 224.162 ptoj (kosto). Kompreneble, ankaŭ ĉe la fako "Enspezoj" estas eraro, ĉar mankas la enkontigo de 61.000 ptoj (vendoj jen unuopaj, jen al pluraj libroservoj, ĝis la fino de la jaro). Bonvolu tamen noti, ke la fina rezulto samas ambaŭkaze. Ni pardonpetas pro la eraro kaj dankas vin pro via komprenemo.

## Rapida Esperanto-kurso en Vitoria-Gasteiz

De la 28a de oktobro ĝis la 1a de novembro, la loka Esperanta Grupo organizas rapidan Esperanto-kurson je du niveloj: por komencantoj kaj por parolantoj. Ĝi okazos en junulargastejo kaj la programo inkluzivas multajn distraĵojn, ekskursetojn kaj viziton al la urbo. *Vera etoso esperantista.*

La kotizo (manĝoj, tranoktado kaj lernomaterialo!) jenas: studentoj kaj senlaboruloj (9.000 ptoj); laborantoj (13.000). Ankau eblas memzorgi: po 4.000 au 5.00 ptoj). Informoj kaj aligoj: Xavier Armendariz; Beato Tomás de Zumárraga, 6. 3-esk, E-01008 Vitoria-Gasteiz. Telf. 945/141847.

## Se vi forgesis pagi vian ĉi jaran kotizon...

Memoru, ke vi povas pagi *rekte* en ajna oficejo de la Poŝta Ŝparkaso (Caja Postal), ekzistanta eĉ en la plej eta vilaĝo de Hispanio! La pagon faru al la konto n-ro 14.011.966 je la nomo de *Federación Española de Esperanto*.

| | |
|---|---|
| Ordinara membro (OM) | 3.000 |
| Emerita membro (EM), Juna membro (JM), Senlaborulo | 2.250 |
| Asocia membro (Asocioj de HEF) | 6.000 |
| Speciala abono por HEF-asocioj (po dek ekzempleroj de *Boletín*) | 15.000 |
| Dumviva membro (DM) | 200.000 |
| Eksterlandanoj | 50 Ngld. aŭ egala valoro. |




**(91)-446-80-79**
**24 horojn tage, respondile kaj faksile.**
**Persone: marde kaj ĵaŭde de 19a ĝis 20a**

